

BRAZILA ESPERANTISTO OFICIALA ORGANO DE BRAZILA ESPERANTO-LIGO




*107-a jaro*
*N-ro 348*
*Marto 2014*

# UK 2014 – Bonaero

## Esperante kongresi kiucele?

## Kia estas la koloro de sentoj?

## Gentekstermaj monstroj

**Brazila Esperantisto**

Nacia kaj Internacia Kulturo

N-ro 348 – Marto 2014 • 107-a Jaro

# Enhavo






Emblemo de la 49-a UK

> *[La esperantistoj] restas la samaj, kvazaŭ mi forlasus hieraŭ Esperanton, nenio ŝanĝiĝis, ili paroladas ĉiam la samon […]*
>
> *Kabe (1931)*

**Revukunlaboraĵoj**: La ĉefredaktisto rigardas gravaj la kunlaboraĵojn senditajn de legantoj. Tamen, pro hommanko, spaclimigoj en la revuo, kaj kromaj limigoj, li rezervas al si la rajton: **1-e:** ne sciigi la ricevon; **2-e:** ne redoni la sendaĵojn; **3-e:** ne garantii la publikigon; **4-e:** mallongigi tekstojn tiam, kiam necese; **5-e:** ilin reviziigi laŭ ortografio, gramatiko kaj fakvortoj. Kiel gramatikan konsultfonton ni rekomendas la verkon *Plena Manlibro de Esperanta Gramatiko* (v. 15.0), de Bertilo Wennergren. La signifon de ĉiuj vortoj netroveblaj en *Plena Ilustrita Vortaro de Esperanto* (2005) oni aparte klarigu per piednotoj aŭ glosaro.

Komercaj markoj reproduktitaj celas nur ilustri kaj apartenas al la posedantoj.

# Enkonduko

Estimataj gelegantoj:
Tiu ĉi numero estas neordinare varia laŭ enhavo, ĉar ĝi ampleksas financajn raportojn, artikolojn pri la movado, pri esperantismo kaj lingvo, kaj ankaŭ beletraĵojn.

Ni komencas per la financa raporto pri la jaro 2013, farita de la nuna estraro kaj aprobita ĉe la 49-a Brazila Kongreso de Esperanto (BKE), en Florianopolo. Pro leĝaj postuloj, la raporto kaj ĉi ties pritakso estas skribitaj en la portugala. Sekvas la Kongresa Rezolucio, kiu invitas ĉiujn Esperanto-simpatiantojn kunagadi por disvastigo kaj instruado de Esperanto.

Bedaŭrinde, ni devas raporti ankaŭ la forpason de la konata brazila Esperantisto Jorge Campos de Oliveira, kiu restis aktiva ĝis sia vivofino, ofte partoprenante kunvenojn.

Novaĵojn pri la junula movado raportas Anna Lobo de Carvalho. La novan, ĵus elektitan estraron de BEJO ŝi prezentas, kaj ankaŭ la gajnintojn de la konkurso *Partoprenu IJK-on*.

Rafael Zerbetto invitas ĉiujn aliĝi al la Universala Kongreso de Esperanto, okazonta de la 26-a de Julio ĝis la 2-a de Aŭgusto, en Bonaero, Argentino. Li pritraktas plurajn gravajn detalojn, ekzemple: kiel aliĝi; kiel vojaĝi; kiel gastiĝi; kostoj ktp.

Paulo Nascentes raportas pri la 49-a BKE, pensige kaj ofte sprite. Ekzemple: por kio taŭgas la kongresaj rezolucioj? ĉu ili efektive spegulas la penson de la kongresanaro? Aŭ: ĉu la KER-atestiloj montros praktikan utilon por ĝiaj ricevintoj? Krome, se vi deziras raporti pri specifaĵo de la pasinta Kongreso, skribu al la ĉefredaktisto!

Antonio Felix da Silva pruvas al ni, ke, anstataŭ privei maljunecon, oni povas rejuniĝi, helpante aliulojn. Tion ĉi li atingis, instruante Esperanton.

Josenilton kaj Madragoa pridiskutas la "finan venkon" de Esperanto laŭ homaranisma perspektivo. Laŭ la artikolo, esperantisteco manifestiĝas ĉefe tra la koro de bonvolaj idealistoj kaj realistoj.

Dirce Salles verkis interesan fablon pri ordonema reĝo, kiu, simile al multaj el ni, aspiris komandi eĉ la Morton. Legu pri lia sorto.

Ĉu vi konas la verkojn de nia plej elstara simbolisma poeto, Cruz e Sousa, kiu naskiĝis en Florianopolo? Paulo Sergio Viana prelegas pri liaj vivo kaj verkaro, kaj pritraktas plurajn karakterizaĵojn de la simbolisma movado.

Edgar Massaaki Egawa koncize atentigas nin pri la teknologia evoluo okazinta ekde la naskiĝo de Esperanto, kaj pri la manieroj utiligi teknologiajn rimedojn por nia celo.

Al la amantoj de sciencfikcio certe plaĉos la rakonto *Gentekstermaj monstroj*, verkita de Flávio Medeiros Jr. Ĝi apartenas al la kolekto *Malutopio*, nun tradukata, kiu espereble post nelonge eldoniĝos en nia lingvo. Pro sia longeco, ĝi aperos duparte, t.e., en la Marta kaj Junia numeroj de *Brazila Esperantisto*.

Ĉu vi emas kontribui al nia revuo? Sendu vian artikolon, eseon, beletraĵon ktp. al ni!

La ĉefredaktisto



**Brazila Esperantisto**

ISSN 0006-9477
Oficiala Organo de Brazila Esperanto-Ligo
Fondita en 1907 de Alberto A. Vieira, Reynaldo Geyer kaj Everardo Backheuser
107-a jaro, Februaro 2014, N-ro 348

**Eldona Stabo**
**Ĉefredaktisto:** Francisco Stefano Wechsler

**Ĉi-numeraj kunlaborantoj**: Anna L. Carvalho, Antonio F. Silva, Cícero G. Silva, Dirce Salles, Francisco S. Wechsler, PauloNascentes, Josenilton kaj Madragoa, M. Nazaré Laroca, Paulo S. Viana kaj Rafael Zerbetto

**Grafika aranĝo kaj enpaĝigo:** Francisco S. Wechsler
**Revizio kaj tradukado:** BEL-asesorskipo

Kontribuaĵojn kaj mesaĝojn sendu al la ĉefredaktisto: esperanto@fswechsler.com
**Pri la subskribitaj artikoloj respondecas la aŭtoroj mem**

Brazila Esperanto-Ligo (Fondita en 1907)
**Sidejo:** SDS–Bloco P36–Salas 301/303–Ed. Venâncio III CEP 70393-902 Brasília,DF
**Telefono:** (0xx61) 3226-1298 **Fakso:** (0xx61) 3226-4446
**Retadreso:** bel@esperanto.org.br **Hejmpaĝo:** www.esperanto.org.br

## DEMONSTRATIVO FINANCEIRO DAS ENTRADAS EM 2013

| DISPONIBILIDADE | em 01.01.2013 | RECEITAS FINANCEIRAS | em 31.12.2013 |
|---|---|---|---|
| Conta Bancária | 46.491,72 | Anuidades 2013 (2) | 23.345,00 |
| Poupança variação 01 | 316,09 | Anuidades 2014 (3) | 14.975,00 |
| BB CBD DI | 6.299,36 | Donativos | 21.724,39 |
| BB - Ref DI LP 50 mil | 1.120,14 | Aluguéis | 15.863,27 |
| BB Renda fixa 500 | 110,92 | Vendas Libroservo (4) | 38.717,99 |
| Conta na UEA "beli-r" (1) | 598,32 | Depósito a classificar | 9.040,00 |
| Caixa | 500,00 | Rendimentos de aplicações | 1.871,06 |
| | | TOTAL (receitas financeiras) | 125.536,71 |
| | | VALORES DE TERCEIROS | |
| | | Assinaturas/anuidades - UEA | 37.252,33 |
| | | periódicos nacionais | 168,00 |
| | | Congresso 2014 | 17.930,03 |
| | | Empréstimo para o Libroservo | 4.681,12 |
| TOTAL (disponibilidades) | 55.436,55 | TOTAL (valores de terceiros) | 60.031,48 |
| TOTAL (disponibilidades + receitas financeiras + valores de terceiros) | | | 241.004,74 |

(1) valor referente a 222,06 Euros x 2,6944 em 31.12.2012
(2) anuidades em 2013: AJ (301), AF (23), AV (2), AC (9), AJ (46), AP (22), AB (10)
as adesões de 2013 processadas em 2012, foram consideradas no valor da conta bancária.
(3) anuidades de 2014 processadas em 2013: AI (60), AF (2), AJ (5), AP (9) e AB (3)
(4) inclui as vendas para a UEA (R$3.005,43)
(5)aquisição de livros para a Biblioteca Carlos Domingues

## DEMONSTRATIVO FINANCEIRO DAS SAÍDAS EM 2013

| DESPESAS ADMINISTRATIVAS | | DESPESAS FINANCEIRAS | |
|---|---|---|---|
| Manutenção e reparo | 5.639,60 | Despesas bancárias | 643,59 |
| Conservação e limpeza | 2.782,90 | Taxas- PagSeguro | 2.501,50 |
| Energia elétrica | 1.498,50 | Impostos s/aplicações financeiras | 264,17 |
| Material de consumo | 1.003,99 | | |
| Seguros | 1.784,12 | | |
| Impressos | 1.280,00 | | |
| Revistas (1) | 6.872,00 | | |
| Serviços contábeis | 17.100,50 | | |
| Serviços postais | 10.449,19 | | |
| IPTU/TLP | 4.582,60 | | |
| Telefone/internet | 3.151,95 | | |
| Condomínio | 38.840,64 | | |
| Licença de domínio de uso e contribuições legais | 1.368,64 | | |
| TOTAL (despesas administrativas) | 96.354,63 | TOTAL (despesas financeiras) | 3.409,26 |
| DESPESAS PATRIMONIAIS | | OUTRAS DESPESAS | |
| Aquisição de estante | 1.700,00 | Assinaturas/adesões UEA | 34.460,25 |
| Livros Estrangeiros (2) | 4.547,40 | Repasse ao 48BKE (4) | 490,00 |
| Livros Nacionais (3) | 1.090,00 | Repasse ao 49BKE | 4.620,00 |
| Mercadorias diversas | 195,00 | Inscrição em curso na Itália (5) | 525,00 |
| | | Viagens e Estadas (6) | 4.240,00 |
| | | Fretes e carretas (7) | 1.462,53 |
| | | Cartório (recolhimento de emolumentos) | 328,17 |
| | | Divulgação e propaganda | 53,00 |
| | | Ressarcimento (8) | 50,00 |
| TOTAL (despesas patrimoniais) | 7.532,40 | TOTAL (outras despesas) | 46.228,95 |
| TOTAL (despesas administrativas+financeiras+patrimoniais + outras despesas) | | | 153.525,24 |

(1) valor referente a 3 edições
(2) Compras feitas à UEA (R$2.997,92) conforme extrato de 28.12.13
(3) Compra de livros R$507,00 s/ Recibo-NF (cheque 851570 p/ J.J Santos em 08.01.13)
(4) Repasse s/recibo (cheque 851566 p/Ciro Gomes em 02.01.2013)
(5) a inscrição do presidente da Bejo em curso na Itália foi paga por doações exclusivas para o fim.
(6) Projeto Adidas (R$2.794,00) e despesas do Libroservo no 48BKE (R$1.446,00)
(7) Ressarcimento de R$1.300,00 S/Recibo-NF (cheque 851.569 em 02.01.13)
(8) Valor de adesão pago a maior.

## RESULTADO DO EXERCÍCIO DE 2013

| SALDO ANTERIOR (01.01.2013) + RECEITAS - DESPESAS | 87.479,50 |
|---|---|
| **DISPONIBILIDADE** | **em 31.12.2013** |
| Extrato bancário | 60.821,05 |
| caixa | 137,92 |
| Poupança Bejo (variação 51) | 18.228,39 |
| Poupança (variação 01) | 331,59 |
| BB CBD DI | 6.654,36 |
| BB - Ref DI LP 50 mil | 1.189,82 |
| BB Renda fixa 500 | 116,37 |
| TOTAL | 87.479,50 |
| OUTROS VALORES | |
| Conta na UEA "beli-r" (1) | 1.913,64 |
| PagSeguro (2) | 5.736,54 |
| TOTAL | 7.650,18 |
| TOTAL GERAL | 95.129,68 |

(1) valor correspondente a 593,34 euros x 3,2474 em 28.12.13
(2) valor sujeito a saque

PARECER DOS CONSELHOS FEDERATIVO E FISCAL DA LIGA BRASILEIRA DE ESPERANTO

Os Conselhos Federativo e Fiscal da Liga Brasileira de Esperanto (BEL), no uso de suas atribuições previstas nos Artigos 20, inciso I e 26 do Estatuto emitem este parecer relativo ao exercício findo em 31 de dezembro de 2013, manifestando-se favoráveis à aprovação das presentes contas.

Brasília-DF, 25 de janeiro de 2014.

Antônio Félix DA SILVA

Presidente do Conselho Federativo

Josias Ferreira Barbosa

Membro do Conselho Fiscal

Paulo Pereira Nascentes

Membro do Conselho Fiscal

Luis Guilherme Souto Jardim

Membro do Conselho Fiscal

*[…] La novaj vortaroj ne havas eĉ la plej malgrandan intencon detrui la unuecon de nia lingvo. La sola kaj netuŝebla fundamento de nia lingvo ĉiam restas la "Universala Vortaro" kaj la novaj vortaroj ne ŝanĝas eĉ unu vorton el tiu fundamenta vortaro; ilia celo estas nur doni klarigon kaj helpon en tiuj okazoj, kiam la Universala Vortaro ne sufiĉas. Estas dezirinde, ke tiun ĉi ideon la novaj vortaroj akcentu tute klare en siaj antaŭparoloj, por eviti ĉian malkompreniĝon. […]*

*[…] se ia vorto nek estas sendube internacia nek havas por si apartan radikon en la Universala Vortaro kaj esprimi ĝin per kunmeto de radikoj jam ekzistantaj estas aŭ tute ne eble, aŭ tro ne-oportune, aŭ teknike neprecize — tiam tiun ĉi vorton ĉiu aŭtoro povas mem krei laŭ sia bon-trovo, tiel same kiel oni ĝin faras en ĉiu alia lingvo.* […]

*L. L. Zamenhof (1904)*

# Rezolucio de la 49-a BKE

La 49-a Brazila Kongreso de Esperanto, kunveninte en Florianopolo/Sankta Katarino, Brazilo, de la 24-a ĝis la 28-a de januaro 2014, kun pli ol 250 partoprenantoj, inter kiuj 12 eksterlandanoj, diskutinte la temon "Esperanto, kial ne: disvastigo kaj instruado de la lingvo" kaj konsiderante, ke Brazilo ekzemple pintas inter la landoj kun pli da ekzamenitoj pri Esperanto laŭ statistikoj de la KER-ekzamensistemo de UEA, konstatas:

- ke la manko de percepto pri la maljusta situacio de la internacia kaj transkultura komunikado de Brazilanoj en la mondo grave kaŭzas nevideblecon de Esperanto kiel egaleca kaj demokratia solvo de la komunika baro;
- ke Brazilanoj ĝenerale supozas jam solvita tiun bezonon komunikiĝi kun eksterlandanoj neregantaj la Portugalan per la nuntempaj lingvaj rimedoj; kaj
- ke la kreskanta ĉeesto de Brazilo en tutmonda scenejo kadre de registaraj kaj neregistaraj internaciaj organizoj, entreprenoj, universitatoj kaj interkulturaj movadoj atestas la deziron aktive kunagadi pri la solvo de urĝaj kunvivadaj situacioj;
- deklaras, ke la Brazila Esperanto-komunumo emas kaj deziras kunagi kun Brazilaj registaraj instancoj, kun similcelaj movadoj, grupoj kaj personoj por stimuli laboron, efikan, planitan, daŭran kaj kunligitan pri disvastigado, pri profesinivela instruado de Esperanto en la Brazila instrusistemo same kiel per neformala instruado en diversaj homgrupoj, kie ajn ili bezonos kunsidi kun internaciaj celoj;
- invitas ĉiujn Esperanto-simpatiantojn kunagadi por plena efiko en la kampoj de konsciigo kaj kapabligo por disvastigo kaj instruado de Esperanto kaj kunlabori laŭ la gvidlinioj de Brazila Esperanto-Ligo kaj Universala Esperanto-Asocio por plej efike realigi komunajn celojn de Esperanto kaj de aliaj movadoj.

Florianopolo, Sankta-Katarino, la 28-an de Januaro 2014

## Forpasis Jorge Campos de Oliveira (1922–2014)

La 3-an de Februaro forpasis la konata veterano Jorge Campos de Oliveira, en Rio. Li deĵoris dum la 60-aj jaroj kiel sekretario de la ne plu ekzistanta Brazila Klubo de Esperanto, kiu situis ĉe la iama sidejo de Brazila Esperanto-Ligo, ĉe Respublika Placo, Rio. En tiu epoko, Jorge jam estis emerita oficiro (kolonelo) de la Militista Polico, kaj tial Brazilaj Esperantistoj ofte alnomis lin "kolonelo". Jorge aktive partoprenis la Esperanto-movadon ĝis sia morto. Li prezentis programojn pri Esperanto ĉe radistacio Roquette Pinto, dum 50-aj kaj 60-aj jaroj. Li estis membro de Asocio Esperantista de Rio-de-Ĵanejro (AERĴ), kies kunvenojn li ofte ĉeestis. Li fariĝis ano de Kultura Kooperativo de Esperantistoj en 2003. En 2007 li estis omaĝita per honorplako, dum la solena malfermo de la Brazila Kongreso de Esperanto en Rio. En 2012 li ricevis omaĝon de AERĴ.



Jorge estis la unua Esperantisto, kun kiu mi konatiĝis. En 1964, mi iris al la sidejo de BEL, kun la intenco lerni la lingvon. Ne dezirante frekventi regulan kurson, mi aĉetis, laŭ la konsiloj de Jorge, la lernolibron de Torres Pastorino, la Esperantan-Portugalan vortaron de Ismael Gomes Braga kaj la legolibron *Karlo*, de Edmond Privat. Post kelkaj monatoj mi revenis al BEL, kaj per lia helpo mi fariĝis ano de BEL kaj UEA. Li ĉiam impresis min kiel simpla, bonkora, laborema kaj iom sinĝena homo.

Francisco S. Wechsler

# BEJO-novaĵoj

## Anna Lobo de Carvalho

Por tiu ĉi numero, ni volas unue anonci, ke la nova estraro de BEJO estis elektita dum la 49-a Kongreso de Esperanto en Florianopolo, okaze de nia Ĝenerala Asembleo! Nun la estraro de BEJO estas la jena: Prezidanto — Fernando Maia Jr.; Kasisto — Allan Argolo; Sekretario — Anna Lobo de Carvalho; Financa Konsilantaro: Rafael Zerbetto, Juliana Evandro, Matheus Pereira kaj Eveline Paula.



Fernando, Anna kaj Allan



Rafael, Juliana, Matheus kaj Eveline

Ni esperas, ke ĉi tiu periodo estos tre fruktodona por la Brazila movado! Ankaŭ estas rimarkinda la nuna rilato kaj kunlaborado kun BEL, TEJO kaj UEA! Ni esperas, ke la nuna stato pli kaj pli fortiĝos por la sekvaj jaroj! Ni komencu la jaron 2014 per la dekstra piedo! Dankon al ĉiuj pro la subteno kaj apogo!



Lucas Barbosa

Due, TEJO aperigis la rezultojn de sia ĉi-jara konkurso *Partoprenu IJK-on*. La gajnintoj estas (en la foto laŭhorloĝe) Juan Sebastian Quintero Santacruz (Kolombio), Romualda Jeziorowska (Polujo), Nicholas Woods (Usono) kaj Olga Ŝilajeva (Rusujo).



BEJO ankaŭ anoncas la gajninton de la konkurso *Partoprenu IJK-on* por Brazilanoj: Lucas Barbosa, el ŝtato Piaŭio! Gratulojn al la premiitoj kaj ĝis Julio en Fortalezo! Havu agrablan vojaĝon kaj kongresumadon! Ni multe laboras por la sukceso de tiu granda renkontiĝo!

Se vi volas kontakti nin, vi povas sendi retmesaĝon al `bejoesperanto@gmail.com`. Sekvu niajn paĝarojn ĉe Facebook, Twitter kaj GooglePlus!



# La Bonaera Universala Kongreso

Rafael Zerbetto



### Kial partopreni en la Bonaera Universala Kongreso?

De la 26-a de Julio ĝis la 2-a de Aŭgusto okazos la Universala Kongreso de Esperanto (UK) la unuan fojon en Argentino, en la urbo Bonaero. Ĝi estos la tria UK en Sudameriko: la du aliaj okazis en Brazilo, en 1981 (Braziljo) kaj 2002 (Fortalezo). Ĝis la 28-a de Februaro aliĝis 105 Brazilanoj.

Esperanto estas pontolingvo, por ebligi komunikadon inter parolantoj de malsamaj denaskaj lingvoj, do la plej bona oportuno uzi ĝin estas dum internaciaj kongresoj, kiel UK kaj IJK (Internacia Junulara Kongreso), kiuj kunigas homojn el diversaj landoj por kune kleriĝi, turismi kaj amuziĝi per la Lingvo Internacia. Ni, Sudamerikanoj, devas profiti la oportunon ĝui la unikan etoson de granda Esperanta kongreso, kiu venigas homojn el la tuta mondo al nia kontinento. Tamen, por multaj Brazilanoj ĝi estos la unua Universala Kongreso, por aliaj estos la unua internacia vojaĝo, multaj aliaj emas aliĝi en UEA, sed ne scias kiel fari tion; do mi provos klarigi la plej ordinarajn dubojn, kiujn mi aŭdis de samideanoj, pri partopreno en internaciaj kongresoj.

### Vojaĝi eksterlanden

Por viziti alian landon oni kutime bezonas pasporton kaj, en diversaj okazoj, ankaŭ vizon, asekuron, vakcinojn, ktp. Tamen, kiel civitanoj de Sud-Merkato, Brazilanoj ne bezonas vizon nek pasporton por viziti aliajn Sudmerkatajn landojn. Nia nacia identigilo (RG) estas valida en Argentina teritorio, sed stirpermesilo kaj aliaj dokumentoj, kiuj en Brazilo anstataŭas la identigilon, ne validas eksterlande. Detalajn klarigojn pri necesaj dokumentoj kaj kondiĉoj por viziti Argentinon oni trovas, en la portugala lingvo, ĉe `http://www.portalconsular.mre.gov.br/antes-de-viajar-1/alerta-aos-viajantes-1/argentina`.

La facileco viziti nian najbaran landon estas ege konvena por unuafojaj vojaĝantoj eksterlande, kaj ankaŭ la kongreso provizas servojn mendeblajn de UEA, kiel ekskursojn kaj loĝadon, kiuj permesas al kongresano antaŭpagi por tiuj servoj kaj vojaĝi trankvile, kun malpli da mono en la poŝo. Kompreneble, vi povas aparte zorgi pri via loĝado kaj ne bezonas mendi ekskursojn; tiuj servoj estas nur por la kongresanoj, kiuj preferas mendi de UEA pro facileco kaj konveno. Kutime eblas trovi loĝeblecojn pli bonprezajn ol tiujn peratajn de UEA, tamen vi riskas loĝi for de la kongresejo, aŭ en gastejo ne sufiĉe komforta; do se vi elektos memzorge trovi gastejon, nepre esploru bone kaj, se eble, petu informojn pri la loko al Argentina samideano.

### La kongreso

La temo de la 99-a UK estas "Ĉu la nepoj nin benos? Streboj al daŭripova estonteco". Krom la kongresa rezolucio, la kongresa temo kutime rilatas al multaj prelegoj de la Internacia Kongresa Universitato (IKU). Ĉiujare okazas la Belartaj Konkursoj de UEA, kies rezultoj estas anoncitaj en la kongreso, kaj ankaŭ dum la kongreso okazas la Oratora Konkurso de UEA, bonega oportuno por gejunuloj, kiuj devas improvizi paroladon, kutime pri la kongresa temo.

Por la unua kongresa tago ne estas programo dumtage, krom la unua komitat-kunsido posttagmeze kaj la Movada Foiro vespere. Kelkaj samideanoj restas en la kongresejo por saluti amikojn kaj babili kun samideanoj, sed aliaj profitas la tagon por promeni aŭ ripozi. IJK en Fortalezo finiĝos la 25-an de julio, kaj en la sekva tago komenciĝos UK en Bonaero, sed tio tute ne signifas, ke partoprenanto de ambaŭ kongresoj nepre perdos tagon de unu el ili: la lasta tago de IJK estas senprograma, post la matenmanĝo homoj adiaŭas kaj foriras.

La kongresa programo estas malsimila al tiu de Brazilaj Kongresoj, unue ĉar dum UK okazas kunsidoj de la estraro, komitato kaj komisionoj de UEA; due ĉar ankaŭ diversaj fakaj asocioj de UEA kunvenas dum UK; trie pro la ĉiutagaj prelegoj pri la lando kaj lecionoj pri la loka lingvo; kvare, ĉar ĉiutage estas ekskursoj. Por samideanoj, kiuj ne

flue parolas Esperanton, estas paroligaj kursoj, kaj por tiuj, kiuj emas ekzameniĝi, estas KER-ekzamensesioj.

Dimanĉe la vespera programo nomiĝas Nacia Vespero, kaj celas prezenti la kulturon de la lando, kiu gastigas la kongreson. Lunde okazas la bankedo, aparte mendebla kontraŭ pago, kaj post ĝi la kongresa balo, senpaga kaj kutime tre bonetosa. Dum la semajno oni povas kandidatiĝi kaj provludi por prezenti ion dum la Internacia Vespero, kiu okazas vendrede; temas pri arta vespero, en kiu homoj el diversaj landoj prezentas iom pri siaj kulturoj. Matene de la lasta kongresa tago okazas la solena fermo kaj homoj adiaŭas.

Sed la plej grava sperto, kiun oni povas havi en UK, estas kunvivado kun samideanoj de la tuta mondo. En Brazilo okazas diversaj Esperantaj kongresoj kaj renkontiĝoj dum la jaro, sed en ĉiuj la plejmulto de la partoprenantoj estas Brazilanoj. En UK preskaŭ ĉiuj partoprenantoj estas eksterlandanoj, kaj rezultas vere internacia etoso, kaj tiuj, kiuj spertas ĝin, pli profunde komprenas la valoron de Esperanto.




## Kostoj

Por partopreni en UK necesas pagi aliĝkotizon, kies prezo dependas de la aliĝperiodo kaj de via kategorio. Ju pli frue vi aliĝas, des pli bonpreza estas via kotizo, kaj membroj de UEA ricevas bonan rabaton, do eĉ se vi ankoraŭ ne certas, ĉu vi partoprenos en la kongreso, aliĝu tuj al UEA, ĉar eĉ okaze de via nepartopreno en la kongreso vi povos profiti aliajn servojn de UEA kaj aboni la revuojn *Kontakto* kaj *Esperanto*. UEA-membroj ankaŭ gajnas rabaton por IJK en Fortalezo. Aliĝu ĉe `http://uea.org/kongresoj/uk_alighilo.php`. Se vi havas dubojn aŭ malfacilaĵojn pri kiel aliĝi aŭ pagi, petu helpon al sperta samideano.

Loĝado, ekskursoj kaj bankedo estas servoj aparte mendeblaj de UEA; se vi ne bezonas ilin, vi povas pagi nur la aliĝkotizon. Kaj finfine necesas vojaĝi Argentinen, kaj estas konsilinde fari tion per aviadilo. Multaj aviadaj kompanioj flugas inter diversaj brazilaj urboj kaj Bonaero, kaj ekzistas retejoj, kiuj komparas prezojn. Atentu pri tio, ke en Bonaero estas du flughavenoj: *Ezeiza*, pli granda kaj for de la urbocentro, kaj *Aeroparque*, pli proksime de la kongresejo. En ambaŭ flughavenoj eblas uzi taksion aŭ buson por atingi la kongresejon aŭ vian gastejon. Multaj homoj vojaĝas al UK, do ne estas malfacile trovi samideanon en la flughaveno por dividi taksion.

## Ĉu pli indas partopreni en UK aŭ IJK?

Multaj samideanoj bezonas elekti unu el tiuj du eventoj, do indas klarigi pri la diferencoj inter ambaŭ kongresoj. IJK celas la junularon, sed tio ne signifas, ke plenkreskuloj ne estas bonvenaj. Male, multaj eĉ preferas ĝin pro la amuza kaj neformala etoso, dum kelkaj junuloj preferas la formalan etoson de UK, kun prelegoj de elstaraj samideanoj kaj fakaj kunsidoj pri diversaj temoj.

Alia diferenco inter ambaŭ estas la kostoj: IJK okazas en simpla kongresejo, kaj la organizantoj provizas bonprezajn loĝeblecojn kaj manĝojn en la kongresejo. UK kutime okazas en granda kunvencentro, klimatizita, kun modernaj ĉambroj kaj ekipaĵoj haveblaj nur kontraŭ alta pago; partoprenantoj kutime loĝas en hoteloj kaj ĉiu nepre memzorgas siajn manĝojn.

Se vi ne povas partopreni en ambaŭ kongresoj kaj ne scias, kiun elekti, esploru pri ambaŭ, vizitu iliajn retejojn, petu informojn al homoj, kiuj jam partoprenis en tiuj kongresoj, por ke vi povu elekti la kongreson plej taŭgan por vi. Se vi emas turismi, en Fortalezo estas belaj plaĝoj kaj altaj temperaturoj, dum en Bonaero estos malvarme kaj vi spertos alian landon. Se vi havas malmulte da mono, IJK estas rekomendinda pro ĝiaj pli favorprezaj aliĝo kaj loĝado, tamen necesas ankaŭ kontroli la vojaĝkostojn.

Oficiala retejo de UK en Bonaero: `http://uea.org/kongresoj/uk_2014.html`

Oficiala retejo de IJK en Fortalezo: `http://ijk.brazilo.net/`

# Esperante kongresi kiucele?

Paulo Nascentes[1]



*Amuzo, amikeco, balo, bankedo, ekzameno, BEL, BEJO, kisoj, belejo, fotoj, ridoj, belkanto, beletro, prelego, panelo, fulmkurso, klerigo, promeno, poezio, disvastigo, sindediĉo, instruado, turismo, Florianopolo, eldonejo, libroservo, asembleo, ensemblo, simboloj, akronime 49-a BKE, nome 49-a Brazila Kongreso de Esperanto, precipe kaj sinteze Esperanto, kial ne?*

## Kongresa Rezolucio, ĉu vere plurmane redaktita?

Facile konstateblas, ke malsamaj kongresoj ekzistas mense de ĉiu partopreninto ilin decidinta raporti. Resume kaj konklude, la plurmane redaktita Rezolucio de la 49-a Brazila Kongreso de Esperanto[2], kiu kunvenis en Florianopolo, Sankta-Katarino, Brazilo, de la 24-a ĝis la 28-a de Januaro 2014, kun 252 partoprenantoj, inter kiuj 12 eksterlandanoj, diskutinte la temon *Esperanto, kial ne: disvastigo kaj instruado de la lingvo*, deklaras, "ke la brazila Esperanto-komunumo emas kaj deziras kunagi kun brazilaj registaraj instancoj, kun similcelaj movadoj, grupoj kaj personoj por stimuli laboron efikan, planitan, daŭran kaj kunligitan pri disvastigado, pri profesinivela instruado de Esperanto en la brazila instrusistemo, same kiel pri neformala instruado en diversaj homgrupoj, kie ajn ili bezonos kunsidi kun internaciaj celoj". Simile do al sennombraj similaj dokumentoj de sennombraj ajnaj kongresoj, ankaŭ en tiu brazila abundas bonaj intencoj plenumotaj de malmultaj.

Diskutinde estas, kiagrade ja tiu esprimo *plurmane redaktita* veras. Simile al tio, kio okazas internaciskale eĉ en UK-oj, unuopulo akceptas la proponitan taskon de LKK enkonduki unuopan sesion pri la kongresa temo, el kiu espereble la atendata Rezolucio aperos. Atenta al la fakto, ke preskaŭ neniu programero ligiĝas al la kongresa temo, sed al grupetaj interesoj antaŭkonataj, sen kies partopreno cetere eĉ maleblas iu ajn kongreso, tiu indikita unuopulo proponas al proporcie malmultaj interesatoj antaŭe elpensitan kaj adaptitan tekston laŭ la tradicia formato. El la mezvarma diskuto kaj kontribuoj de tiuj bravuloj per aldonoj, forigoj kaj revortumo de tekstopartoj venas laŭeble la fina versio de tiu grava sinteze farita dokumento. Fine de tiu amuza, bonetosa, agrabla evento, al neniu certe okazos demandi, ĉu tiu nepra redaktmaniero vere spegulas la volon de la ĉeestantaro, ĉu oni forgesis legi ĝin dum la solena fermo, meze al deliro de fotoj, adresŝanĝoj, kisoj kaj ridoj, feliĉaj pro tiu bela festo. Ĉu en la venontaj versioj de brazilaj kongresoj oni devos aŭ ne havi pliajn sesiojn ligitajn al la kongresotemo, kun sesia sekretario preparanta malneton pri ĝi, cele al la fina dokumento, al kiu tio gravas? Verŝajne la venontjara kongreso ripetos la elegantan formulon. Ĉu tio gravas?

## Solena malfermo

La malferma festprelego de la artikolisto, titolita *Esperanto kial ne?*, post analizo de la novjara mesaĝo de la prezidanto de UEA, Prof-ro Mark Fettes, instige tiamaniere vortumis kelkajn pensigajn, sed retorikajn demandojn: *Kiun efikon havas tio, ke ekde la 48-a BKE de Bara-do-Garco, Matogroso, la ekstera publiko rajtas partopreni almenaŭ unutage aktivaĵojn elpensitajn por tiu publiko? Kaj fine, ĉu indas daŭre organizi [tradiciajn] kongresojn? Ĉu ili devos esti elpensataj por esperantistoj, aŭ ĉu por Esperanto mem, celante atingi ne-esperantistojn?*

Montriĝas tute neeble mezuri la efikon de tiaj instigoj, de tiaj bonkoraj intencoj, de prelegoj celantaj novan publikon, tamen precipe atingantaj personojn delonge jam konvinkitajn pri apudaj kaj duonsimilaj vivkonceptoj, filozofioj, religioj. Facile konstateblas, ke la emo daŭre kunvivadi kun sampensemuloj verŝajne ne konas landlimojn. Aparte menciindas la spontanea senprogramemo de BEJO, kiu tamen kompetente diskutis pri trejnado de E-aktivuloj kaj ĝentile gastigis du furorajn programerojn por neesperantistoj, nome *Intensiva Kurso de Esperanto* kaj *Fulmklaso de Esperanto*, gvidataj respektive de profesoroj Josias Barboza kaj Petra Smidéliusz.

Eble pli grave ol mezuri ilian efikon estas rememori, ke dum la solena fermo de la kongreso diversaj partoprenintoj de tiu *Intensiva Kurso de Esperanto* kuraĝe iris sur la podion kaj diris kelkajn simplajn frazojn por sinprezenti. Bagatelaĵo!, certe dirus iu ne ĉeestinta. Tamen, gravas ne forgesi, ke neniu el tiuj lernantoj havis iun ajn antaŭan sperton pri la lingvo, krom tiuj du tagoj de la kurso! Se iliajn efikojn ankoraŭ ne eblas mezuri, certe almenaŭ la potencialo de tiaj fulmklasoj antaŭvideblas. Ĉar temis pri viva kaj vigla sperto paroli lingvon tute nekonatan antaŭ tre nelonge, tia evento pozitive ilin impresis. Ĉu ili poste deziros aŭ ne daŭrigi la lernadon, ĉu grupo de kompetentaj instruistoj en ilia urbo ilin flegos, ĉu ili bezonos daŭrigi per E-kursoj perretaj, ĉu ili simple forlasos Esperanton, tion nur estonto montros.



## Ekzamensesio longe planata de organizantoj, sed nur surlokaj aliĝoj de la plimulto

Se paroli pri klerigado, plialtigon de la uzonivelo de Esperanto ebligis kaj la menciitaj kursoj kaj la kongresa KER-ekzamensesio. Ekzameniĝis, laŭ raporto de Edukado.net[3]: *entute 15 personoj. Naŭ el ili submetiĝis al la ekzameno je nivelo B1, plie po 3 kandidatoj trapasis la ekzamenon je la niveloj B2 kaj C1. La ekzameno komenciĝis la 26-an posttagmeze per la "malfacila" parto, nome la aŭskulta ekzameno, kiun sekvis la parola parto de 6 kandidatoj. La aliaj 7 kandidatoj trapasis la parolan ekzamenon la 27-an antaŭtagmeze, kaj posttagmeze okazis la skriba sesio. Danke la organizitan financan helpsistemon de la brazilaj ĉeforganizaĵoj BEL kaj BEJO, pluraj junuloj povis trapasi la ekzamenon.*

Klerigado tamen iel neformale okazas dum metiejoj kaj prelegoj. Por doni palan ideon pri la bunteco de tiu varmetosa evento, nepras mencii almenaŭ kelkajn aliajn kongreserojn, kiujn mi persone povis ĉeesti, eĉ se meze al plezurigaj, sed ankaŭ laborigaj farendaĵoj de ekzamenanto.

Certe la akiro de atestilo internacie prestiĝa, subtenata de eksterlanda universitato, motivas precipe junularon dezirantan daŭrigi la kreskantan vojojn de lingva ellernado. Ĉiuokaze neniu riskos diveni, kiam furora tempo por senlima uzado, instruado kaj laboro transnacia per Esperanto finfine ekaperos meze de ŝajna senmoveco de nia tutmonda labormerkato kaj vivkondiĉoj. Nuntempe nur post insista pordofrapado iu sukcesinto en tiu ekzameno povos esperi atenton al peto pri valideco kaj agnosko de la koncernaj atestiloj, kiuj cetere perdas gravecon por multaj dungoj kaj laborpostenoj, ĉar diversaj firmaoj preferas formi, trejni kaj kapabligi dumlabore siajn kunlaborantojn, anstataŭ dungi kapablulojn. Jen tendenco jam sufiĉe priskribita de fakuloj pri la temo. Malfermita devas resti la diskuto pri la brazila ekzamenformato. Malpli ol dependi de la agnosko de prestiĝa universitata institucio, ĉu brazila ĉu alilanda, la E-movado pli bezonas serioze postuli lingvokonon, se paroli pri ekzamensesioj kaj atestiloj.

## Gustumado de kelkaj programeroj por salivumado de estontaj kongresanoj

Diskutigi la misteran apartan econ, kiu rajtigas nin nomi iun tekston poezio, kaj ekzempligi tion per voĉa legado de poemoj de la panelistoj celis la prezentantoj de *Poezio per reto*, frata babilado. Emociigis la triopon de blogistaj poetoj, nome Nazaré Laroca, Paulo Sergio Viana kaj Paulo Nascentes, la entuziasma kundiskutado de la temo. Kiel sciate, tiu verka branĉo de Literaturo malmultajn homojn ravas aŭ eĉ atentokaptas, kadre de la nuna tempo de raciemuloj. Misteroj tamen instige nin defias plifunde pripensi nian ĉiutagan vivon per la koncizeco de duonkonsciaj

poeziaj simboloj tuŝantaj kutime ne tiom uzatajn cerbopartojn. Ĉu poezio daŭre plenumas iun rolon aŭ ne, ĉu ĝi ankoraŭ necesas, finfine kio diable poezio estas, se eĉ celon ĝi konfese ne havas? Interalie, per eldono de Wechsler Editora de Livros Ltda, lanĉis la poezilibron *Penseroj* nia kara poeto Nazaré Laroca. Ankoraŭ pri poezio, meritan omaĝon ricevis João da Cruz e Sousa, grava nomo de Simbolismo en Brazilo, naskiĝinta en Nia Sinjorino de Destero, hodiaŭ Florianopolo, la 24-an de Novembro 1861, kaj mortinta la 19-an de Marto 1898.

Unu el la plej kuriozaj metiejoj estis *Ajkido kiel lingvo: teorio kaj praktiko*, impresa prezentado de paralelo inter filozofiaj aspektoj de verkoj de Zamenhof kaj de Morihei Ueshiba[4]. Ĉeestantoj spertis kelkajn movojn de tiu japana luktarto, gvidataj de luktomajstro Antonio de Pádua, kiu intertempe emfazis la neceson proprakorpe percepti la korpan lingvaĵon de kunluktanto, tiam do redirektante al nova harmonio de senmovigo la neatenditan atakon. Notindas, ke ekvilibro inter la ĝojo de ĵuslernita movomildeco kaj la pripenso pri saĝaj vortoj de la gvidanto montris la timigan efikecon de tiuj movoj. Tio evidentiĝis el la elmontrado de kelkaj teknikoj inter la nigrazonaj helpantoj de majstro Pádua.

Krom tio, en alia salono sciencaĵoj ankaŭ prezentiĝis, ekzemple per la prelego de Prof-ro D-ro Adonis Saliba, nome *Radioizotopoj por nuklea medicino*, raporto pri personaj spertoj kaj nunaj atingoj de brazila universitata teamo pri tiu fako.

Rapida okulfrapo sur kelkajn prelegtitolojn plivaste informas pri temoj, kiaj *Ekumenismo estas universala deziro vivi pace*; *Mia sperto pri la 98-a UK*; *La homa voĉo, Reenkarniĝo laŭ spirita vidpunkto*; *Kia estas la koloro de sentoj: vivo kaj verkoj de Cruz e Sousa*[5]. Institucioj diversnuancaj kies laborlingvo estas Esperanto riĉigis la programaron, ekzemple, la eldonejoj BEL, Lorenz, LBV[6]; same budo pri T-chemizoj de Muzaiko. Nova estraro de BEJO elektiĝis dum ĝia asembleo. Kolektiĝis aktivaĵoj planitaj kaj lasthoraj, arta vespero, bankedo, ekskurso, spontanea kanto, amuzo kaj akcepto de eksterlandaj gastoj, junaj petolaĵoj, varma renkontiĝo de amikoj kaj ordinaraj neatenditaĵoj, malgraŭ la zorgema, proksima, frateca kunlaboro de sindediĉaj LKK-anoj kaj BEL-BEJO-estraro. Daŭras tamen insista demando: kion ŝanĝi por alparoli ne nur esperantistojn venontfoje, sed pli vastan eksteran publikon?

Kiel supre dirite, malsamaj kongresoj ekzistas mense de ĉiu partopreninto ilin decidinte raporti. Pruvas tion la vortoj de kongresano: "*Mi ŝategis partopreni la eventon por persone koni multajn esperantistojn kun kiuj jam mi virtuale kontaktadis. Kelkajn amikojn mi gajnis tiel. Kaj precipe por povi mergiĝi en konversaciojn nur esperante dum la plejparto de la tagoj, kio okazadis precipe dum kunsidoj kun BEJO-anoj. Tio multe min helpis iome kontakti la kulturon sub tiuj konversacioj en Esperanto, kaj tiel plibonigi la mian* (Carlos Eduardo Bueno). Aliajn komplementajn raportetojn oni rajtas sendi al la Redakcio de Brazila Esperantisto (`esperanto@fswechsler.com`).

Fine de la tradicia kaj deviga programero, nome BEL-Asembleo, povis aŭdiĝi komentoj pri la ĵus menciitaj administraj faroj celantaj la reordigon de rutinoj financaj, pri ŝparo de mono kaj tempo pro pli ofta uzo de retaliro por bankoservoj, estrarkunsidoj, relokigo de aliĝiloj kaj librovendo per BEL@butiko, daŭra modernigo de nia Biblioteko Carlos Domingues. Informis tion bunte ilustrita prelego de BEL-prezidanto, Evandro Avellar, kies grafikaĵoj plifacile vidigis la unuajaran laboron de la teamo *Um Novo Tempo* (Nova Tempo). Spertintoj de tiu lasta versio de BKE aŭ nur salivumantoj, sentu vin varme invitataj prepari valizojn bele ornamitajn per la furora identiga zono *BEL/BEJO Esperanto.net* por partopreni la venontjaran jubilean 50-an BKE en la mirinda urbo Rio. Mense kaj kore, alportu vian entuziasmon kaj pripensojn pri la demando, kiu insiste ne volas silenti: kion ŝanĝi por alparoli ne nur esperantistojn venontfoje, sed pli vastan eksteran publikon? Tio estas disvastigo. Tio estas instruado. Tio estas Esperanto. Kial ne?

Notoj

[1] Profesoro de Esperanto en UnB/LET/UnB Idiomas: `http://www.unbidiomas.unb.br/?course=esperanto`
[2] Legu la koncernan artikolon ĉi-numere.
[3] `http://edukado.net/novajhoj?id=419`
[4] Kreinto de ajkido, moderna japana luktarto.
[5] Grava poeto de brazila Simbolismo naskiĝinta en Sankta-Katarino, Brazilo. Legu la koncernan artikolon ĉi-numere.
[6] Legio de Bona Volo, brazila neregistara organizo.

# Mi estas maljunulo

## Antonio Felix da Silva[1]

Post bano en bela vintra mateno, prilumata de la suno, mi rigardis min per spegulo kaj teruriĝis. Kio okazis? Kiam mi rigardis la spegulon, mi vidis en ĝi strangan kaj malkonatan homon, kiu ne estas mi. Li rigardis min, sen emocio.

La homo, kiun mi vidis ĉe la spegulo, havis mian fizionomion, sed li ne estis mi, li estis malsimila ol mi, ĉar liaj haroj estis grizaj, preskaŭ blankaj. Lia ventro falis sur lian pubon malbele. La muskoloj de la brakoj kaj de la kruroj estis molaj. Do, mi konkludis: tiu homo ne estas mi.

Denove mi rigardis al tiu malnobla bildo kaj ne komprenis, kio okazas tiumomente en mia vivo. Mi neniam antaŭe vidis ion tian, kio aperis el nenieco kaj instigis min akcepti ion, kion mi ne deziris akcepti. Mi neniel antaŭe perceptis nek elpensis tion dum mia vivo.

En tiu momento, mi estis en hela nebulo, kiu sufokis min kaj envolvis min kaj mian volon. Per ĉi tiu nebulo mi rememoris mian infanaĝon, miajn infanajn ludojn, la kareson de miaj gepatroj kaj de miaj gefratoj. Mi ankaŭ rememoris la elementan lernejon kaj mian unuan provon kiel verkisto en la lerneja gazeto. Mi komprenas, ke la mondo ne estis la malgranda vilaĝo, kie mi naskiĝis. Do, la Blua Feino de la Kono benis min, kaj mi neniam restis malproksime de la libroj.

Ĉio okazis tre rapide. Tiel mi vidis mian unuan amatinon, mian unuan laboron, la universitatan kurson, mian edziĝon, miajn gefilojn, eĉ mian emeritiĝon. Jes, mian emeritiĝon. Tiam okazis la adiaŭo de miaj gekolegoj, la arĝenta dankoplako kaj la certeco, ke mi devas reveni al mia hejmo por komenci novan vivon.

Mi demandis min, ĉu rekomenci? Ĉu ekzistas rekomenco post tiom da laboro? Tiu momento tuŝis treege mian animon, kaj tuj mi revenis al la realo. En tiu momento mi estis sola ĉe mia domo. La telefono sonoris en alia ĉambro. Mi prenis la aparaton kaj diris:

— Ha lo? Kiu parolas?

— Ha lo, mia kara avo. Kiu parolas estas Mariana, via bela nepino, kiu amas vin.

Kiel oni kutimas diri, "venis klapo en mian kapon". Mi ekmemoris mian nepinon Mariana, belan knabinon, kiu estas kvarjara kaj loĝas en proksima kvartalo. Ĉiutage ŝi telefonas al mi por diri: Mi amas vin, kara avo. Mi ankaŭ ekmemoris mian edzinon, kiu en tiu tago estis vizitanta la Preĝejon de Pastro Johano. Mil demandoj estis en mia menso:

— Kial mi ne rimarkis, ke mi maljuniĝis?

— Kial ĉi tio okazis en mia vivo?

— Kial mi devos vivi nun?

— Ĉu mi ludos domenon en la placo kune kun la maljunuloj aŭ ĉiutage mi trinkos bieron ĉe la drinkejo?

Poste, kiam mia edzino revenis hejmen kune kun mia nepino Mariana, mia filino Marta kaj mia bofilo Mário, mia domo fariĝis granda festo, sed mi ne estis feliĉa. Do, ili demandis:

— Kio okazis?

Mi respondis:

— Mi estas maljunulo!

Mia bofilo, kiu estas kuracisto, diris:

— Jen la Plej Bona Aĝo! Maljunulo povas komenci novan vivon. Ĉe la Universitato ekzistas bonaj kursoj por homoj en la tria aĝo, kiujn vi povos fari. Vi ankaŭ povos instrui la lingvon Esperanto, kial ne?

Nune mi instruas Esperanton al homoj de la tria aĝo ĉe universitato. Mi estas feliĉa, ĉar mi laboras, mi dancas, mi verkas kaj mi kunestas ĉiutage kun mia familio.

Florianopolo, la 20-an de Februaro, 2014.

[1]Vicdelegito kaj fakdelegito (instruado; verkado; armeo) de UEA. Prezidanto de Esperanto-Klubo de Florianopolo.

# Ĉu E-o venkis, venkas aŭ venkos en la nuntempa praktika vivo?

## Josenilton kaj Madragoa



Esperanto, kiel homarana idealo, havos lokon pli kaj pli komfortan en la koro de la homaro, proporcie kiel la homaro mem idealigos sian koron. Same okazos pri ĉiuj homaranaj idealoj.

Nuntempe kaj ankoraŭ dum kelka tempo la bonaj idealoj povos esti pragmate uzataj de ĉiaj homoj, eĉ de tiuj, kiuj utiligos ĝin por malicaj aŭ nur monprofitaj celoj. (Nome de la Kristanismo mem, ekzemple, oni jam mortigis kaj torturis amase, pruvante, ke ili ne internigis en sin la frataman idealon de tiu kredosistemo.) La disigo de la tritikoj disde la loloj okazos nature, per kriterioj strangaj.

Alivorte, la plena sukceso de Esperanto okazos samtempe kun la plena sukceso de la frateca kaj etika idealoj sine de la tuta homaro. Dum tio ne okazas, Esperanto devas esti lernata kaj uzata ĉie, ĉiam kaj de ĉiuj en la nuntempo, kaj de idealistoj, kaj de ĉiacelaj pragmatuloj, demokratie. Esperanto estas ĉies propraĵo.

La idealistoj, tamen, plenumante sian specialan estontecan rolon, devas pli kaj pli realigi esperante en la nuntempo. Ili devas fari en la estanteco ĉion bonan, frataman kaj intersolidaran, kio fariĝos per si mem en la estonteco. Ili do kontribuu por ke Esperanto venku pli kaj pli kiel nuntempa idealo, sendepende de la pesimismaj, tro prudentaj kaj stagnemaj sintenoj de la nefaremuloj bonaj kaj malbonaj.

La nuntempaj plej malbonaj malutilantoj kaj sabotantoj de Esperanto kiel idealo kaj eĉ kiel lingvo mem, estas ne nepre tiuj, kiuj utiligas ĝin por komercaj, fiaj aŭ malpli noblaj celoj, sed estas tiuj, kiuj utiligas ĝin neniel kaj kiuj vivas nur kritikantaj la eraremulojn, eĉ ene de la esperanta movado mem (kvankam kritiki sisteme tiujn, kiuj klaĉe sisteme kritikas, estas same malutile por la necesa luma etoso de la esperanta medio, eĉ se la klaĉoj diriĝas en Esperanto plej ĝusta …).

Pro tio oni atribuas al Zamenhof tiun frazon, ke "Esperanto venkos, malgraŭ la esperantistoj". Se li vere diris tion, certe li aludis tiujn neaktivemajn homojn, kiuj ligiĝas al Esperanto nur per la klubeca, amatoraĉa kaj sterila nacilingva kunvenaro kaj ties intestaj politikaĉoj, kvereloj kaj konkuroj por postenoj, dum Esperanto mem restas iom apartigita en siaj uzateco kaj interna ideo.

Kompreneble estas multaj esperantistoj, kiuj simple ne regemas Esperanton kiel lingvon, sed estas pli idealistaj kaj utilaj al la afero, ol multaj fluaj parolantoj, kiuj faras nenion por ĝi. La granda ekzemplo, kiu venas al mia kapo nun, estas la bopatro de Zamenhof, Aleksandro Silbernik, kiu simple pagis por la eldono de la unua libro, sed poste faris nenion pli. Tiu lia subvencio, tamen, en la ĝusta momento, estis decidiga por la komenca venko de Esperanto. Tiu lia bonago estis laŭlitere fundamenta. Alia memorinda homo estas Klara Silbernik, la edzino de Zamenhof, kiu, krom esti lia sindediĉa kaj komprenema kunulino, donacis sian tutan doton al la naskiĝanta afero de la edzo.

La esperantisteco, do, ne manifestiĝas nepre per la rego de la Internacia Lingvo, sed ĉefe tra la koro de la bonvolaj idealistoj kaj de la diversmanieraj realistoj. La lingvo, tamen, kiel komunikilo, apartenas al ĉiuj, senkondiĉe.

La fina venko de Esperanto estas la rezulto de la ĉiutaga venketo en la nuntempo, post ĉiu individua aŭ kolektiva batalo en la senfina milito, per ĉiu ago aŭ ageto favora al ĝi tie kaj tie, rekte aŭ nerekte. La fina venko alvenas, sen ke neniu perceptas. Aŭ ĉu ĝi jam plene alvenis, nerimarkite? Antaŭ cent jaroj, certe ni opinius ĉi-laste. Post cent jaroj, tamen, multaj el ni ankoraŭ certe atendos ĝin.

Nuntempe, la fina venko de Esperanto jam okazis. Mankas nur la fina venko de la homaro mem.

# La ordonema reĝo

## Dirce Salles

Oni rakontas, ke en foresta regno, dum multaj kaj multaj jaroj, la popolo suferis pro la absurdaj kaj senmezuraj ordonoj kaj kontraŭordonoj de Lia Reĝa Moŝto.

Neniu kuraĝis reagi kontraŭ li, ĉar oni avertis, ke la unuaj, kiuj aŭdacis tion fari estis kruele mortigitaj.



— Neniu rajtas kontraŭi mian volon ! Neniu kaj nenio! — kriegis li ĉiumomente, kie ajn li estis.

Iam la Reĝino mortis.

Kiam la Reĝo alvenis en kastelon li ne sukcesis kredi je tiu absurdaĵo!

— Kiu donis al vi la rajton morti sen mia permeso?! Stariĝu virino, mi ordonas!

Sed, evidente, tio ne estis ebla…

Do la Reĝo alvokis la personajn gvardianojn kaj kriegis per sia tuta pulmoforto:

— Survojiru tuj!

— Kien?

— Iru ĉirkaŭen kaj alportu al mi la Morton! Ĝi ne povas esti tre malproksime.

— Tamen…

— Tamen kio? Iru tuj, kontraŭe mi mem mortigos vin unu post la alia per miaj propraj manoj! For!

La soldatoj eliris, sed sin kaŝis en la ĉirkaŭa arbaro, ĉar ili ne aŭdacus serĉi aŭ defii la Morton, kompreneble!

La Reĝo, senpacienca pro la malfruo de siaj gvardianoj, alproksimiĝis al la fenestro kaj, sin apogante sur la balkono, laŭte kaj kolere kriegis:

— Morto! Venu ĉi tien, mizerulo! Aperu tuj, mi, via Reĝo, ordonas!

Ĝi, nigre vestita, kun vasta kapuĉo, kiu duonkaŝis ĝian mienon, pligrandigante la misteron, glacie kaj silente stariĝis malantaŭ li, sen ke li tion rimarkis.

Iom laca, li revenis al la mezo de la salono kaj surpriziĝis pro tia impresa figuro…

— Kio okazas? — diris ĝi malrapide kaj mallaŭte.

— Mi volas scii, kiu donis al vi la rajton mortigi mian edzinon.

— Mi estas sendependa.

— Neniu estas sendependa en mia Regno.

— Mi ne apartenas al via Regno.

— Tamen en mia Regno neniu rajtas esti supera al mi kaj ĉar vi eniris ĉi tien sen mia permeso, mi ordonos al miaj gvardianoj aresti vin.

— Ĉu vere? Mi atendos — ironie respondis ŝi.

— Gvardianoj! Gvardianoj!

Neniu aperis.

— Viaj gvardianoj sin kaŝis en la arbaro. Ili preferis malobei vin ol defii min.

— Kiel vi scias pri miaj sekretaj ordonoj?

— Mi scias ĉion pri la vivo.

— Do mi mem vin kondukos al la prizono.

Kaj la Morto, direktante al la Reĝo misteran rigardon, kiu montris profundan nekredemon je tiu abomeninda estulo, trafe respondis:

— MI mem akompanos vin. Venu!

En la sekvanta tago, spite la timon, la personaj gvardianoj revenis al la kastelo, decidinte informi Lian Reĝan Moŝton pri sia fiasko, sed aŭdante la senesperajn kriojn de la Reĝo, iom timeme malsupreniris en la prizonon.

Tie ili trovis la viron malantaŭ la kradoj kaj la ŝlosilojn ĵetitaj sur la plankon de la malhela koridoro, apud kiu li restos ĝis sia morto.

La Reĝo frenezis kaj en siaj deliroj daŭre elkriis siajn ordonojn al la muroj, kradoj kaj al la musoj, kiuj aŭdacis tien eniri por disputi manĝrestaĵojn sur la planko.

La Konsilantoj de la Regno kuniĝis al la popolo, ŝanĝis la leĝojn kaj la vivo revenis al la normala vojo.

# Kia estas la koloro de sentoj?

## Paulo Sergio Viana



(Prelego prezentita ĉe la Brazila Kongreso de Esperanto en Florianopolo, Januaro 2014.)




La vivo kaj verkaro de Cruz e Sousa estas tute aparta ĉapitro en la panoramo de la brazila literaturo. La tragikeco de lia vivo kaj la rafineco de lia arto lokis lin sur elstaran pozicion en nia kulturo. Ne hazarde tio fariĝis spektinda filmo – O Poeta do Desterro (La Poeto el Destero[1]), de la filmisto Sylvio Back, trovebla en interreto.

João da Cruz naskiĝis en la provinco Sankta-Katarino, en la tiam nomata urbo Nia Sinjorino de Destero, nuntempe Florianopolo. Li naskiĝis en la tago de Sankta Johano de la Kruco, la 24-an de novembro 1861, ido de liberigitaj sklavoj. Lia patro estis masonisto; lia patrino, tollavistino. Ilia sinjoro estis potenca militisto, kiu ne havis idojn, kaj adoptis la etan negron en la familion kaj donis al li edukadon, kian ricevis nur riĉuloj. La knabo lernis sciencon, matematikon kaj lingvojn kaj montriĝis tre inteligenta. Ĉi tio estis impresa fakto, se oni konsideras, ke tiutempe estis ĝenerala opinio, ke negroj estas malpli inteligentaj ol blankuloj. Unu el liaj instruistoj estis amiko kaj kunlaboranto de Charles Darwin. Je la 8-jara aĝo, la knabo jam deklamis poemojn omaĝe al sia protektanto.

Kiam la poeto estis 20-jara, li vojaĝis tra Brazilo, akompanante teatrotrupon. Tiutempe li komencis sian ĵurnalistan karieron kaj faris prelegojn kontraŭ sklaveco. Samtempe li aliĝis al la Parnasisma skolo de poezio. La provincestro nomumis lin prokuroro, sed li ne povis enposteniĝi, ĉar politikaj fortoj tion malpermesis, pro rasismo. Li estis de tiam konstante diskriminaciata de la lokaj societanoj. Post kelkaj jaroj li translokiĝis al Rio, kie du amikoj lin apogis. Sed la socia baro plu daŭris, tiel ke li devis barakti por postvivi. Tuj poste li revenis al Destero, pro senlaboreco. Li multe legis la tiamajn famajn aŭtorojn, kaj ricevis fortan influon de la francaj Beaudelaire kaj Flaubert, de la usona Edgar Allan Poe, kaj de multaj aliaj. Sekve, li fervore aliĝis al la Simbolisma movado kaj fariĝis ties ĉefa reprezentanto en Brazilo.

Pasis kelkaj jaroj kaj li denove ekloĝis en Rio, kie amiko trovis por li laboron. Tiam li verkis por ĵurnaloj kaj revuoj, inkluzive de manifesto pri Simbolismo, kiun multaj tiutempe konsideris kiel dekadencan poezion. Kiam li estis 21-jara, li ekkonis Gravita Rosa Gonçalves, kiu poste fariĝis lia edzino. Ankaŭ ŝi estis negra. Ili havis tri filojn, sed ĉiuj mortis tre junaj. En la sekvaj jaroj, la edzino freneziĝis. Ilia financa situacio estis premeganta. Malgraŭ tio, publikiĝis en la jaro 1893 liaj du plej konataj libroj: *Missal* (Meslibro) kaj *Broquéis* (Etŝildoj). La unua enhavas poemojn en proza formo, kaj la dua estas brila elmontro de la brazila simbolisma poezio. Tamen, la grado de diskriminacio estis tiel forta, ke eĉ intelektuloj kritikaĉis liajn verkojn. Unu el ili, la prestiĝa José Veríssimo, post lia morto rekonis sian eraron kaj la valoron de Cruz e Sousa.

La granda poeto mortis de ftizo en la jaro 1898, en la brazila provinco Minoj. La kadavron oni transportis al Rio per vagono por brutoj. Oni sepultis lin en la tombejon Sankta Francisko Ksaviero, en Rio.



Por bone ĝui la arton de Cruz e Souza necesas kompreni, kio estas Simbolismo. Oni ne konfuzu ĝin kun Simbologio, kiu estas la arto interpreti simbolojn. Simbolismo estas movado en arto — en literaturo, en teatro kaj pentroarto —, kiu naskiĝis en Francujo, en la fino de la 19-a jarcento. Ĝia ĉefa figuro estis Charles Beaudelaire, kun siaj

prozpoemoj *Les Fleurs du Mal* (Floroj de Malbono) kaj *La Spleno de Parizo* (tradukita en Esperanton). Tiu movado estiĝis kiel reago kontraŭ realismo kaj naturalismo, favore al mistikismo, intimeco de sentoj kaj individuisma rigardo al la mondo. Ĝi estas tre simila al Romantikismo, koncerne al intenseco de sentoj kaj idealismo. La diferenco estas, ke en Simbolismo elstaras mistero kaj individua serĉado de nekonsciaj pensoj kaj sonĝo.

Kelkaj stilaj, kuriozaj karakterizaĵoj aperas en Simbolisma literaturo:

### 1. Simbolistoj amas la blankan koloron.

Unu el la plej konataj poemoj de Cruz e Souza estas *Antífona* (Antifono):

*Ó Formas alvas, brancas, Formas claras*
Ho Figuroj helaj, blankaj, Figuroj klaraj
*De Luares, de neves, de neblinas!…*
El Lunlumo, el neĝoj, el nebuloj!…
*Ó Formas vagas, fluidas, cristalinas…*
Ho malprecizaj Figuroj, fluidaj, kristalecaj…
*Incensos dos turíbulos das aras…*
Disflugantaj Incensaĵoj ĉe la krucoj…

*Formas do Amor, constelarmente puras,*
Figuroj de Amo, puraj, kie stelaro
*De virgens e de Santas vaporosas…*
De virgulinoj kaj Sanktulinoj vaporecaj…
*Brilhos errantes, mádidas frescuras*
Vagantaj brilaĵoj, humide freŝaj
*E dolência de lírios e de rosas…*
Kaj mildeco de lilioj kaj de rozoj…

### 2. Simbolisma poezio estas esence melodia.

La franca Verlaine asertis: “Antaŭ ĉio, la muziko!”. Por tio oni abunde uzis aliteracion (ripetadon de konsonantaj sonoj) kaj asonancon (ripetadon de vokalaj sonoj). Jen bela ekzemplo en versoj de Cruz e Souza:

*Braços nervosos, brancas opulências,*
Malkvietaj brakoj, blanke luksaj,
*Brumais brancuras, fúlgidas brancuras*
Nebulblankaĵoj, hele blankaj

### 3. Konstanta uzado de malprecizaj metaforoj.

Oni preferas sugesti ol objektive nomi la elementojn de la realo. Tio donas al la poezio etoson de mistero, mistiko kaj spiriteco. Jen ekzemplo de Cruz e Souza:

*Infinitos espíritos dispersos,*
Senfinaj disaj spiritoj,
*Inefáveis, edênicos, aéreos,*
Ekstazaj, paradizaj, vaporecaj,
*Fecundai o Mistério destes versos*
Fekundigu la Misteron de ĉi versoj
*Com a chama ideal de todos os mistérios.*
Per la ideala flamo de ĉiuj misteroj.”

### 4. Transsentumado[2]

Simbolistoj ofte miksis sentumojn per kuriozaj esprimoj: “ruĝa krio”, “dolĉa odoro”, kaj similaj. Ankaŭ la menciitaj asonancoj kaj aliteracioj helpis por tia efekto. Jen konata verso de Cruz e Sousa:

*Nessa messe que estremece*
Je tremetanta semejo



Oni omaĝe kutimis nomi la poeton Cruz e Sousa “La Nigra Dante”, “La Nigra Cigno”. Sed eĉ tia omaĝo sonas diskriminacia, malgraŭ sia bona intenco. Cetere, neniu atentigas pri la koloro de blankhaŭta poeto, por omaĝi lin!

Ne nur per majeste belaj versoj oni povas admiri la poeton. Ankaŭ pro lia heroa batalado kontraŭ diskriminacio, kontraŭ sklaveco kaj hipokriteco. Li skribis: “Kiu estas la koloro de miaj formoj, de miaj sentoj?”

Kaj ankaŭ ĉi tiujn fortajn strofojn:

*Vai-se acentuando,*
Jen firmiĝas,
*Senhores da justiça — heróis da humanidade,*
Sinjoroj de justeco – herooj de l’ homaro
*O verbo tricolor da confraternidade…*
La trikolora verbo de kunfratiĝo…
*E quando, em breve, quando*
Kaj baldaŭ, kiam
*Raiar o grande dia*
Eklumos la granda tago
*Dos largos arrebóis — batendo o preconceito…*
De vastaj aŭroroj — kiuj frakasos antaŭjuĝojn…
*O dia da razão, da luz e do direito*
La tago de racio, de lumo kaj de justo
*— Solene trilogia —*
— Solena trilogio —
*Quando a escravatura*
Kiam sklaveco
*Surgir da negra treva — em ondas singulares*
Malaperos en nigra nubo — sub unikaj ondoj
*De luz serena e pura;*

De serena, pura lumo;
*Quando um poder novo*
Kiam ia nova potenco
*Nas almas derramar os místicos luares,*
En la animojn enverŝos mistikajn lunlumojn
*Então seremos povo!*
Tiam ni estos popolo!

Por fini ĉi tiun simplan, senpretendan prezenton pri granda artisto, mi proponas pecon de prozpoemo el la verko *Missal*. Ŝajnas al mi, ke ĝi bone montras la delikatan, profundan spiriton de la eminenta Cruz e Souza:

*Para mim, as palavras, como têm colorido e som, têm, do mesmo modo, sabor.*

*O cinzelador mental, que lavoura períodos, faceta, diamantiza a frase; a mão orgulhosa e polida que, na escrita, burila astros, fidalgo entendimento de artista, deve ter um fino deleite, um sabor educado, quando, na riqueza da concepção e da Forma, a palavra brota, floresce da origem mais virginal e resplende, canta, sonoriza em cristais a prosa.*

*Para a profundidade, a singularidade de todo o complexo da Natureza, o artista que sente claro entende claro, pensa claro , saboreia claro.*

(Laŭ mia opinio, vortoj, krom koloro kaj sono, havas ankaŭ guston.

La mensa skulptilo, kiu plantas periodojn, poluras kaj diamantumas frazon; la fiera, rafinita mano, kiu skribe briligas astrojn, kio estas nobla komprenpovo de artisto, devas havi ian delikatan plezuron, ian edukitan guston, kiam je riĉeco de konceptado kaj Formo, ekburĝonas la vorto, kaj floras el plej virga deveno, kaj helas, kantas, kristale sonas prozo.

Laŭ profundeco, laŭ originaleco de ĉia amplekso de la Naturo, artisto, kiu klare sentas, klare komprenas, klare pensas, klare gustumas. )

N.R.

[1]La filmtitolo enhavas netradukeblan vortludon, ĉar la portugala vorto *desterro* signifas *ekzilo*.
[2]Anstataŭigo de atributo ordinare perceptata de unu sentumo per atributo perceptata de alia sentumo.



## Teknologio kaj Esperanto — Edgar Massaaki Egawa

Ekde 1887, kiam Zamenhof kreis Esperanton, la teknologio por komunikado, lernado kaj kulturo progresis. Aperis la telefono, la skribmaŝino, la fonografo, unue. Dum la 50-aj jaroj aperis la komputilo, kiu pli kaj pli malgrandiĝis ĝis la punkto, ke ĝi fariĝis poŝportebla, same kiel la telefono.

Ni havas nun la kinon, la televidon, la sonregistrajn (KD) kaj videregistrajn aparatojn (DVD, *Blu-Ray*), interreton por serĉi informojn, amuziĝi, kontakti amikojn kaj familianojn, kaj ekkoni aliajn homojn. Disponeblas ankaŭ presitaj aŭ elektronikaj libroj, ĵurnaloj kaj revuoj. La kretoskribilo kunvivas kun la prezentadoj en *Power Point* kaj edukcelaj komputilaj programoj.

Ankaŭ en Esperantujo oni suferas la influon de teknologio. Ni havas komputilajn programojn por ĉapeligi literojn, retpaĝojn en interreto de multaj Esperanto-asocioj, blogojn de Esperantistoj, perretajn Esperanto-kursojn kiel `edukado.net` kaj `lernu.net` aŭ programojn, kiujn eblas instali en komputilo, kiel *Kurso de esperanto*.

Multaj Esperanto-libroj havas sian pdf-version kaj la muzikoj estas troveblaj en mp3-formato. La retpaĝo `youtube.com` entenas e-videojn, paroladojn, muzikajn prezentadojn, filmojn. Multaj titoloj ne plu eldonataj aŭ tre multekostaj estas troveblaj tiamaniere. Aliaj estas disponeblaj nur tiel.

La retpaĝoj de Esperanto-asocioj kiel BEL kaj UEA havas servon, per kiu eblas aĉeti Esperantaĵojn rete, kie oni akceptas kredikartojn kaj pagilojn kiel *Pagseguro*, *Paypal* ktp. La homo ankoraŭ ne kreis formon de akceptado de moneroj per interreto.

Ekzistas organizoj, kiuj kreas programarojn kun apogo al Esperanto, kiel *Mozilla*, Linukso kaj *Open Office*. Ili havas Esperanto-versiojn de siaj programoj aŭ aldonojn, kiuj ebligas skribi Esperante. Eĉ la menuoj estas Esperantigitaj en tiuj programoj.

La modernigo de iloj por faciligi la komunikadon, lernadon kaj disvastigadon de Esperanto estas neevitebla kaj bonvena. Ni evoluis de interŝanĝo de leteroj perpoŝte kaj presitaj libroj kaj periodaĵoj al kunvivado kun telefonoj, retmesaĝoj kaj tujmesaĝiloj kiel Skajpo, kiu ebligas konferencojn je monda skalo sen bezono de ĉeesto en la sama loko. La periodaĵoj povas esti ne nur paperaj, sed elektronikaj, aŭ ambaŭ. Muzikoj ne bezonas plu diskegojn, eble eĉ ne KD-ojn por esti diskonigataj. Librojn oni povas legi per tabulkomputiloj. Bonvenon al moderneco!

# Gentekstermaj monstroj — Parto 1

Flávio Medeiros Jr.
Tradukis: Francisco S. Wechsler

Ŝipestro Rox Hakar havis protektendan reputacion. Li haltis momente fronte de la granda spegulo, iom antaŭ ol atingi la duklapan pordon, kiu malfermiĝis en la internon de la Alta Kamero de la Naci-Konsilio. Li zorge aranĝis la du vicojn de energi-kartoĉoj, kruciĝantajn sur la brusto de la kombineo plenplena de medaloj. Li direktis penetran rigardon al la bildo de sia propra vizaĝo, tiun saman rigardon, kiu ordinare frostigis la sangon de tiuj barantaj al li la vojon. Sed, paradokse, li ne sentis sin timigata. Li ne sentus, eĉ se temus pri ajna aliulo. Jes, la rigardo estis nerezisteble timiga, sed li estis ĝuste Rox Hakar, la Ĉasisto de Monstroj. Multaj rigardoj, kiuj provis timigi lin, nun restadis senbrilaj en lia trofeĉambro, ĉe la spacoŝipo Gardhundo III.

La ĉasisto suspiris kaj eniris larĝapaŝe la Kameron, kies pordoklapoj estis pare malfermitaj. La sep reprezentantoj de la sep grandaj kontinentaj nacioj de Benevo jam atendis lin, sidante sub duonlumo, sur la supraj benkaroj el brosita ŝtalo, hufumece lokitaj ĉirkaŭ cirklo el centra lumo. Ĉiuj rigardis lin per miksaĵo de maltrankvilo kaj scivolo.

— Bonan posttagmezon, gesinjoroj. Mi kredas, ke vi jam atendis min.

— Sinjoro, ĉu vi estas Rox Hakkar, la ĉasisto de rekompencoj?

Li duonfermis la palpebrojn, kun aroganta rigardo al la Konsiliestro.

— Mi estas Rox Hakar, la Ĉasisto de Monstroj. Rekompenco estas nur justa pago por mia laboro, solvonta problemon, kiu ordinare sendormigas vin ĉiujn, kaj kiun neniu el vi kapablus solvi per si mem.

La konsilianoj sin interrigardis, surprizegitaj, kaj poste turniĝis al sia estro, atendante respondon. Li tusetis, aranĝis sian tunikon sur la seĝo, kaj ree mallevis siajn okulojn al la ĵusalveninto.

— Nu, sinjoro Hakar, estus superflue ripeti al ĉiuj ĉeestantoj la kialon de via alveno, sed mi esperas, ke vi komprenos, ke la situacio estas por ni treege serioza. Ni deziras certiĝi, ke vi plenkomprenas ĝian signifon, kaj la kialojn, pro kiuj ni serĉas vian servon.

Rox Hakar cirkle paŝadis, kunfrotante la manojn, kvazaŭ enpensiĝinta. Verdire, li frandadis ĉiun momenton de suspenso kaj maltrankvilo de tiuj estuloj. Fine li levis la vizaĝon, karesante sian densan barbon, kaj ekparolis, per profesoreca tono:

— Dum'barag estas genteksterma monstro. Neniu konas ĝian veran originon, sed oni scias, ke ĝi partoprenas la mitaron de la kulturoj el dek tri planedoj. Oni suspektas, ke ĝi alvenis en la Laktovojo antaŭ nenombreblaj jarmiloj, transirinte la intergalaksian abismon. La plej ĵusaj registroj pri ĝia ekzisto komenciĝis antaŭ ok jarmiloj, ĝis tiu estaĵo, eble perdiĝinte dum vagado tra aliaj branĉoj de la galaksio, reaperis en la sistemo Tathomo.

— Permeson, sinjoro Hakar… — intervenis sinjorineto, kiu reprezentis la plej grandan nacion de la suda kontinento. — Ĉu fidindas la informo, ke Dum'barag ja kaŭzis la detruon de la planedo Tathomo IV?

Hakar montris malestiman rideton kaj amplekse gestis per la dekstra mano.

— Sinjorino, vi povos konfirmi tion iam ajn. La helpopetoj travojaĝis la subspacon ĉiudirekten, dum la malmultaj tagoj, kiam tiuj mizeruloj ankoraŭ disponis sian informteknologion. Tra la normala spaco, tiuj mesaĝoj certe ankoraŭ alvenadas ĉi tie, kaj plu alvenados dum venontaj jaroj. Kelkaj raportoj estas korŝire malesperaj, sed nekontesteble klaraj. La estulo subite aperis ĉe la ĉirkaŭaĵo de la stelsistemo kaj iris rekte al la kvina planedo, gasplena giganto, kiu taŭgis al ĝi por manĝo. Dum'barag konsumis la planedegon, reduktis ĝin al amaso da rubaĵoj kaj ruinigis la malfortikan gravitekvilibron inter la mondoj de la sistemo Tathomo.

La kvara planedo, la sola enloĝata en la sistemo, estis fortirita el sia orbito kaj atakita de dezertigaj naturkatastrofoj. Mi povas certigi, ke tiuj homoj multe suferis antaŭ ol perei pro la perdo de sia atmosfero.

Hakar ridetis, observante la teruron stampantan la ĉirkaŭajn vizaĝojn. Kontenta pri la efiko de siaj vortoj, li aldiris, per pli milda tono:

— Kiel sciate, post Tathomo Dum'barag sin direktis al la sistemo Torgo. Tie li ne foruzis tempon, kaj iris rekte al la dua planedo, la sola loĝata de teknologia civilizo. Spite la defendan klopodadon per orbitstacioj, la bela planedo, kune kun siaj kvin miliardoj da enloĝantoj, estis reduktita al sfereto el sterila roko. Kaj, kiel vi evidente jam scias, ĉar ni tie ĉi kunvenas, la genteksterma monstro survojas rekte al la stelsistemo, kie ni estas.

Preskaŭ tuŝebla silento pezis, kvazaŭ mortotuko, sur la etoso. Fine, unu el la konsilianoj kuraĝis demandi, per preskaŭ neaŭdebla voĉo:

— Permeson, sinjoro Hakar… Kiel eblas, ke vivulo kapablas detrui tutan planedon? Kiujn rimedojn ĝi uzas por, kiel vi diris, "konsumi" planedon?

— Oni ne konas, verdire, la fiziologion de Dum'barag, unika kaj senegala estulo inter ĉiuj jam priskribitaj de fremdobiologio. Tamen, deforaj mezuroj montras, ke la monstro trairas la interstelan spacon enkapsulita per nubo el partikloj de kontraŭmaterio, kiuj ŝajne eliĝas el ĝia organismo mem. Kiam ĝia korpo tuŝegas ian ajn kvanton da ordinara materio, ĉi ties nuligo pro kontakto kun la kontraŭpartikloj liberigas iomon da energio, ŝajne ensorbita de la estulo kiel nutraĵo. Ekzistas polemiko pri la hipotezo, ke Dum'barag estas inteligentulo. La plimulto kredas, kaj mi akordas kun tiu ĉi skolo, ke ĝi estas nur neracia bestego, kiu "naĝas" tra la kosmo serĉante nutraĵon. Ial ĝi ŝajne estas altirata al tiu ĉi stelsistemo, kaj, ĉar ties ĉi stelon ĉirkaŭorbitas nur tri planedoj, mi opinias, ke vi, gesinjoroj, altprobable fariĝos ĝia baldaŭa trafo.

La konsiliano retenis sin, viŝante la ŝviton sur sia vizaĝo. Alia viro, apud li, rigardis al Hakar nekredeme.

— Ba, sinjoro… Vivulo kapabla nutri sin per tuta planedo bezonas havi korpgrandon tute neimageblan!

Hakar ĵetis sian kapon malantaŭen, brue ridegante. Li jam atendis tiaspecan rimarkon, kiun li amegos klarigi.

— Jes ja. Malfacilus imagi ion similan. Por klarigi ankaŭ tiun detalon, mi preparis holografian prezentaĵon, pretan por elsendo el mia spacoŝipo rekte al la ricevĉelo de tiu ĉi salono.

La ĉasisto aktivigis komandon per nigra skatoleto pendanta de lia zono, kaj lumkubo ŝaltiĝis, en la mezo de la kamero. En ĝi formiĝis bildo, kiu tiris terurĝemojn el la gorĝoj de ĉiuj konsilianoj. Ĝi estis grandega cilindra korpo, plata laŭ la vertikala diametro, kaj ĝi flanke plilongiĝis per du apendicoj, kiuj etendiĝis kaj moviĝis kvazaŭ vualoj. Ĝi verdire similis gigantan rajon, kviete ŝipirantan tra la spaco. La monstro estis tute nigra, kvazaŭ ĝi plene ensorbus la stellumon. Tamen, jen kaj jen, etaj trembriloj ekflagris dum sekundo laŭlonge de ĝia korpego. Ili markis la lokojn, kie restaĵetoj de materio, kiel asteroidoj aŭ nuboj el stelpolvo, kontaktas ĝian korpon. En la momento, kiam la materio nuliĝis, liberigante energion, la plej atentemaj povis observi, ke parto de la levjatano onde glimas, efektive malkaŝante maldikan tavolon el kontraŭpartikloj, kiu tegas la tutan korpsupraĵon. En la antaŭa parto de la cilindro, kiu formis la trunkon de la estulo, en la regiono funkcianta kiel kapo, la korpo simple malfermiĝis per funelo, el kiu eliris minaca ruĝeca brilo. La skarlata lumo ŝajnis la pulsado de horora malfermita buŝo, simila al atomfornego celanta ensorbi ĉion, kio troviĝas sur ĝia vojo.

Hakar ĉirkaŭrigardis, frandante la efikon de la projekciado. Tiu teruro, kiu nepre ekregis la eblajn viktimojn de la monstroj de li ĉasataj, estis speciala ingredienco, kiu altvalorigis lian laboron, kaj ebligis, kelkfoje, profitan renegocadon de prezoj. Li ŝaltis alian komandilon sur sia zono, kaj la bildo de Dum'barag ekhaltis, turniĝis kaj transformiĝis en senmovan figuron, ŝvebantan en la spaco. Apud ĝi aperis perfekta sfero, kun proksimume du trionoj de ĝia diametro. Hakar daŭrigis sian eksplikon:

— Jen skema bildigo de la dimensioj de Dum'barag. La sfero respondas al planedo kun la grando de Torgo II, la planedo elkonsumita. Vidu kiel la monstro, per sia tute nerezistebla grando, kapablus "kuŝiĝi" sur la planedon, plenkovrante ĝin. Ne restus sufiĉa tempo eĉ por sendi helpopetajn mesaĝojn, kaj tiel verŝajne okazis. Ne nur la vivosfero, sed granda parto de la rokplena supraĵo de la planedo estis konsumita, kaj restis nur neregula kaj senviva

ŝtonego en la spaco. En la antaŭa okazo, la gasplena giganto de la Tathoma sistemo estis pli granda ol Dum'barag. Parto de la planedo estis konsumita, kaj la restaĵo diseriĝis en amason da asteroidoj.

Li refoje premis butonon, kaj en la holografia projekciaĵo, iom pli malgranda sfero ekglimis apud la unua.

— Jen laŭskala bildigo de la planedo de viaj moŝtoj. Kiel vi vidas, ĝi estas eĉ pli eta ol Torgo II. Se Dum'barag decidos "brakumi" vin, sinjoroj, mi timas, ke ne multo restos…

Voĉbruego ekfuriozis inter la konsilianoj. Ĝi kunmiksis panikon, malesperon kaj koleron pro la antaŭvido de absolute terura morto. Rox Hakar krucis siajn brakojn kaj simple atendis, serena, la finrezulton, kiun li jam spektis tiomfoje. Post sekundoj ili sin ĵetos ĉe liajn piedojn, promesante senmezurajn trezorojn kaj la virgecon de siaj junulinoj, petegante, ke li liberigu ilin de tiu mortminaco. Kaj li, grandanime, konsentos. Kontraŭ justa prezo, evidente.

La Konsiliestro insiste sonigis sonorileton, ĝis li reestigis ordon ĉe la kamero. Fine li diris gravtone:

— Sinjoro Hakar, estas evidente, ke ni ĉiuj komprenas tre klare la detrupovon de la minaco, tiel didaktike priskribitan de vi. Mi ankaŭ esperas, ke vi, pli ol iu ajn, komprenos, ke nia ekzistado mem estas minacata, kaj tial ni estas pretaj serĉi ĉiujn eblojn por liberiĝi de la minaco de Dum'barag…

Hakar kuntiris sian vizaĝon al suspektema mieno, pro la neordinara deklaro je tiu negocpaŝo. Pro sia vasta sperto, li ekflaris ion malsimilan al neprobabla oferto por pliigi lian enspezon.

— Kion precize vi volas diri per "ĉiujn eblojn"?

— Mi volas diri, ke neniam ajn ni dubas pri via profesia kapablo liberigi nin de tiu genteksterma monstro; tamen, ni decidis alvoki duan partoprenonton al tiu ĉi negocado. Temas pri dua kontraktopropono, se tiel vi preferas.

Li ŝaltis komandilon sur la supraĵo de la tablo, kaj diris tri mallongajn frazojn en sia denaska lingvo. Post malpli ol unu minuto, ia homsimila figuro konturis sian silueton antaŭ la ortangula lumo de la pordo, kaj enmarŝis la kameron larĝapaŝe, laŭ ritmo preskaŭ militista. La mieno de Rox Hakar ŝanĝiĝis de surprizo al malamo, kaj li grumblis interdente:

— Gamud'ha…

La ĵusveninto haltis apud li kaj rigardis al la Konsiliestro kun trankvila kaj senemocia mieno, tute ignorante la ĉasiston, kiu estis ekster si pro furiozo. Li estis iom pli malalta ol Hakar kaj certe multe pli juna. Liaj vestoj estis malpli pompaj, kvankam sendube elegantaj. La plumbegriza uniformo sobre fasonita glimis per milda tono sub la fluoreska lumo, kaj la bluvelura mantelo, kiu malsupren etendiĝis trans lian dekstran ŝultron ĝis la genuo, ne nur donis ian nobelan aspekton al sia uzanto, sed ankaŭ taŭgis por konvene kaŝi ian manarmilon, strategie lokitan ĉe la talio tiuflanke. La verdeca haŭto, ledaspekta, kaj la alta frunto, garnata per glata hararo tutblanka, malkaŝis, ke li devenas de la tiel nomataj "triaklasaj" koloniistoj. Tiuj ĉi forvojaĝis de la Tero antaŭ jarmiloj, post submetiĝo al ĥirurgio de genrearanĝo, por ke ili adaptiĝu al planedoj kun malsamaj medikondiĉoj kaj tie pluvivu. La metala filtrileto fiksita sub liaj naztruoj montris la bezonon de kelka adapto por pliigi lian komforton.

Gamud'ha, malgraŭ sia ŝajna juneco, estis unu el la plej respektataj ĉasistoj de rekompencoj en tiu branĉo de la galaksio. Li konkeris la famon esti kaptinta sep el la dek du plej danĝeraj fuĝintaj kondamnitoj de la civilizitaj planedoj. Aldone, li estis veterano el la sangoverŝa Insekteca Milito, kaj li efektive sukcesis eskapi el la viva oceano de Ksohnkso. Almenaŭ kvar grandaj gentekstermaj bestegoj estis mortigitaj per lia helpo, kio donis al li kelkajn trofeojn, kiujn Hakar, sekrete, tre deziris teni en sia montroŝranko ĉe Gardhundo III. Gamud'ha estis, tute nedubeble, ege respektinda konkuranto al akiro de la ĉaskontrakto kontraŭ Dum'barag. Hakar ne hezitis elmontri la seniluziiĝon kaŭzatan de lia ĉeesto.

— Mi kredis, ke vi plene konscias pri la graveco de la minaco ŝvebanta super viaj kapoj. Sed se vi estas tiel malsaĝaj, ke vi konfidos la taskon al duarangaj profesiuloj, apenaŭ demetintaj bebvindaĵojn, eble venis la momento por mia foriro…

— Ni tre bedaŭrus, se vi tiel agus, sinjoro Hakar. Sed, kvankam multe malpli aĝa kaj sperta ol vi, sinjoro Gamud'ha havas neignoreblan vivhistorion. Mi ne scias, ĉu vi estas informita, ke ja li mortigis la sovaĝbeston, kiu plene ekstermis tri koloniojn de homsimiluloj en Tralatko…

Rox Hakar gestis malestime.

— Ŝparu min de via bizara priskribo de bonŝancaĵoj kaj bagatelaj gloroj de tiu bubo, sinjoro! Vi sidas antaŭ la homo, kiu mortigis la fajromeduzon cindrigintan la flosantan kolonion de XJJ-22, kaj foruzas vian tempon rekrutante novulojn? Mi volas averti vin, ke ne sukcesos ajna provo estigi aŭkcion inter ni por malaltigi la elspezon ekstermi Dum'barag. Mi ne rezignas la valoron de mia laboro, mi konscias pri mia kapablo realigi ĝin, kaj se vi tiel malsaĝos, ke vi kontraktos tiun ulon por bagatelo, eble pli konvenos, ke li kaj ĉiuj sur ĉi tiu planedo estu fine diserigitaj kaj konsumitaj en la enaĵoj de la monstro.

— Tute ne temas pri "aŭkcio", sinjoro Hakar! Ni neniam estus tiel malnoblaj, kredu min. Efektive, ni nur decidis plialtigi niajn ŝancojn postvivi la teruraĵon tiel bone bildigitan de vi. La valoro de la premio por la savo de nia mondo ne malaltiĝos eĉ je unu krodo! Ni simple proponos la premion al ambaŭ ĉasistoj, aŭ pli ĝuste, donos la oportunon, ke ambaŭ disputu ĝin. Kiu pli kapablos kaj sukcesos mortigi aŭ almenaŭ peli la monstron for de nia sistemo, tiu ricevos la rekompencon. Ĉu vi ambaŭ konsentas?

— Kiom ĝi koncernas min, certiĝu pri mia jeso, Konsiliestro — eldiris unuafoje Gamud'ha, per sia milda kaj bastembra voĉo. — Kaj mi suspektas, ke sinjoro Hakar ankaŭ konsentos; mi scias, ke tiuj fihumoraj protestoj estas sole nur specimeno el la koleremo, kutime aperanta pro maljuniĝo ĉe certaj homoj, kiuj sentas sin minacataj de la eblo perdi sian gloron al la pli junaj kaj fortaj.

Hakar grincigis la dentojn kaj kunpremis la palpebrojn, sed al la armilo tenata en la talia pistolingo eĉ unu fingron li ne movis, rimarkinte la diskretan moviĝon de la dekstra brako de Gamud'ha sub la mantelo. Efektive, li eĉ ne pensis rezigni pri la ĉaso al Dum'barag; Gamud'ha ja bone sciis, malkiel la enloĝantoj de tiu planedo, ke Rox Hakar jam persekutas la monstron ekde la Tathoma katastrofo. La oferto de la premio, kiu venigis lin tien, estis nur bonŝanca koincido, aldona profito por la mortigo de la spaclevjatano. Ĉiu ĉasisto faros ion ajn por la gloro mortigi Dum'barag, kaj la eblo havi tiun atingon asociita al sia nomo estis verdire ebriiga. Tial Hakar insistis bridi sin, kaj refoje ekparolis per ironia tono:

— Nu, ni do vidu, kiu pli kapablas. Estos plezuro silentigi la ŝmirvortan buŝon de tiu aroganta junulo, kaj reveni el la spaco por kolekti la groŝojn malavare ofertatajn de viaj moŝtoj por mia laboro. Dirinte tion, li turniĝis sur siaj kalkanoj kaj foriris batpaŝe. Gamud'ha riverencis kaj foriris post kelkaj momentoj, survoje al la hangaro, kie lia spacoŝipo estis refuelata. La disputo komenciĝis.

*(Daŭrigota en la proksima numero.)*

